n-ro 16
1994-2
julio 1994

# Esperanto en Azio

**Bulteno de UEA pri la Esperanta movado en Azio**



**eldonanto:** Prof. d-ro SO Gilsu / rok 158 600, Yangchon p.o. Kesto 11, Seoul, Korea Respubliko / hejma telefono kaj telefakso:-82-2-6465413

**redaktejo:** ĉe DOJ Ĉieko kaj Hirokaz, Niŝiŝiba 4-17-9, Kanazaŭa-ku, JOKOHAMO, 236 Japanio / telefono kaj telefakso:-81-45-785-5458

***e n h a v o***

## • *Projektoj por Azia Movado A, B, C, Ĉ, D (koncize)*

*Projekto A: Kunlaboro de aliĝintaj landaj asocioj*

*A-1: Regule kunveni en ĉiu UK*

*A-2: interŝanĝadi informojn regule*

*Projekto B: Sendi kompetentajn instruistojn al landoj kie ne ekzistas la movado aŭ kie estas bezonataj altanivelaj instruistoj pri Esperanto*

*Projekto C: aligi aziajn aktivulojn al UEA*

*Projekto Ĉ: sendi aziajn aktivulojn al progresintaj landoj*

*Ĉ-1: studvojaĝoj en aziaj landoj (Japanio kaj Koreio)*

*Ĉ-2: studvojaĝoj en eŭropaj landoj*

*Projekto D: helpi pri E-libroj*

*D-1: eldono de necesaj libroj*

*D-2: transdoni librojn de donacantoj al aziaj E-kluboj, asocioj kaj individuoj, kaj alvokoj al ĉiuj esperantistoj kaj E-organizoj*

# 1. Raportoj

## 1.1 Aperis ĉinlingva Literatura Verko Propagandanta Esperanton

titolo: "Renkontiĝo de la Homaro

aŭtoroj: Fu Heng kaj Xiao Buoli

244p., 11.5 x 18.5

eldonis: Sudokcidenta Trafika Universitato

En junio 1993 aperis ĉi tiu literatura verko riĉenhava. Ĝi rakontas allogajn okazintaĵojn antaŭ, dum kaj post la 71a UK en Pekino en 1986. En la libro estas skribitaj ankaŭ: Historio de Esperanto-movado, Ĉina Esperanto-movado, d-ro L.L. Zamenhof, ĉinaj Esperanto-pioniroj kaj eminentaj esperantistoj kaj iliaj meritoj por nia lingvo, famaj Esperanto-subtenantoj, diverslandaj esperantistoj, k.a.

*Ĉin Kajĝi/ Pekina Esperanto-Asocio, Guanyuan 2-7-201, CN-100034, Beijing, Ĉinio*

## 1.2 La 15a Rusia Esperanto-Kongreso okazis en Soĉi, en 6~9 novembro 1993

En la kongreso partoprenis 69 esperantistoj, inter kiuj 1 el Irano, 1 el Azerbajĝano, 4 el Ukrainio, 2 el Baŝkirio, 4 el Kabardino-Balkario, 1 el Karacajevo-Cerkeska Respubliko

kaj ceteraj 56 el Rusio. Oni elektis Andrej Ananjin kiel la novan prezidanton, kaj aliajn estraranojn. Oni diskutis i.a.

1. Komisii al nova estraro stabligi la membraron de REU kun la antaŭaj individuaj membroj de REU kaj de nefunkciantaj REU-kluboj.

2. REU-estraro daŭrigu traktadon kun REA kaj aliaj Rusiaj Esperanto-Organizoj kun la celo fari Rusian Esperanto-Kongreson - komuna forumo de ĉiuj rusiaj esperantistoj.

3. La Kongreso esprimas preferon pri okazigo de REK-16 en Ninij Novgorod kaj REK-17 en Jekaterinburg.

*Vladimir Bespalov, ab/ja. 913, Soĉi, 354000 Rusio*

## 1.3 Zhejiang-a Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto okazis sukcese

La unua Zhejiang-a Akademia Konferenco pri Scienco kaj Tekniko en Esperanto okazis en Huagias-Hotelo de la urbo Huangyuan de la 14a ĝis la 16a de novembro 1993. Ĝia temo estis "Servu por disvolviĝo de ekonomio kaj interŝanĝo pri scienco kaj tekniko per Esperanto". Al ĝi aliĝis pli ol 60 esperantistoj el Pekino, Tianjin, Hangzhou, Ningbo, Huzhou, Zhoushan kaj Taizhou.

Tiu ĉi konferenco estis vaste atentita kaj subtenita de multaj aŭtoritatuloj.

Sume ni ricevis 32 disertaĵojn pri medikamento, kemia industrio, administrado kaj eduko ktp. 8 disertaĵoj el ili estis deklamitaj Esperante. Tiu ĉi konferenco estis provo en provinca konferenco pri scienco kaj tekniko en Esperanto. Ĝi estis esplora konferenco, kaj ankaŭ ŝanco de lernado reciproka.

*Zhu En/ Xichengzia 10-hao, CN-317000 Linhai,*
*Zhejiang, Ĉinio*

## 1.4 Fundamenta Kurso en Hanojo, Vjetnamio


prof. Nguyên Van Diên

En la 4a de decembro 1993 unu fundamenta kurso estis malfermita por 20 kuracistoj ĉe la "Instituto de Nacia Medicino". Inter pli ol 20 gelernantoj partoprenis unu doktoro, unu medicino-agregaciulo, 2 vic-direktoroj de la "Tradicia Lernejo", unu orienta kuracisto, unu sekcioestro, ktp.

Gvidis la kurson doktoro de lingvo Nguyên Quang, prof. Nguyên Van Diên kaj kelkaj aliaj malnovaj esperantistoj. La kurso celas disvastigi la internacian

lingvon, samtempe antaŭprepari por akcepti Masayuki Saionji Saiki, kiu venos de Tokio en 1994.

*Nguyên Van Diên/ 6 Vong Duc, Hanoi, Vjetnamio*

## 1.5 Mao Zedong sur poŝtstampoj aprobantaj Esperanton

La 26an de decembro 1993, la 100an naskiĝ-datrevenon de Mao Zedong, la granda Esperanto-aprobanto, en Pekino estis uzataj du oficialaj Esperatnaj poŝtstampoj. Ŝur ĝi ni povas legi liajn vortojn pri Esperanto: Mi ankoraŭ tiel opinias, ek Esperanto estas lerninda kaj lernenda, se oni ĝin uzas por vera internaciismo kaj revolucio.







LA 100-A NASKIĜ-DATREVENO DE KAMARADO MAO ZEDONG

*Pekina Esperanto-Asocio/ Guanyuan 2-7-201, CN-100034 Beijing, Ĉinio*

## 1.6 Eldoniĝis "Let us learn Esperanto" en Bangalore, Bharato

En januaro Bangalore Esperanto Centro lanĉis la libron "Let us learn Esperanto", verkitan de d-ro Ranganajakulu. Prof. L.S. Seŝagiri Rao, bone konata verkisto, eminenta profesoro de Bangalora Universitato, kritikisto liberigis la libron. Prof. Probal Daŝgupto estis la ĉefgasto. Nun, tiu libro multe helpas la Bharatan movadon, ĉar homoj en urbegoj de Bharato volas lerni Esperanton, uzante anglan lingvon.

En la lasta semajno ges-roj Daŝgupto de Hyderabad, venis al Bangaloro. Mi gastigis ilin dum ilia restado en Bangaloro. Post la lanĉado de Esperanta libro la membroj de Bangalore Esperanto Centro kunvenis kun prof. Probal Daŝgupto.

La loka tagĵurnalo de la Kannada lingvo "Kannada Prabha" de la 16a de dec. '93 aperigis artikolon pri Esperanto, nia centro, kun mia foto. Pli pl 300 homoj reagis kaj skribis al nia centro, petante informojn por lerni Esperanton. Nun ni havas lernolibrojn en la Kannada kaj en la angla lingvoj, kaj ankaŭ la flugfolioj en la Kannada kaj la angla lingvoj. Do ni povas atingi ĉiujn.

Nia centro bone kunlaboras kun la Radio-Amatora Klubo de Bangalore. Ili invitis min por partopreni en la tutlanda radio-amatora kongreso, en Bangalore en aprilo.

*S.S. Pradham/ 97, 3rd Block East, Jayanagor, Bangalore-560 011, Hindio*

*tel. -080-6632914*

## *1.7 Esperantaj Filatelaĵoj memore al esperantistoj*

La 4a de februaro estis la 90a naskiĝdatreveno de s-anino Deng Yingchao (1904-02-04~1992-07-11), kunfondinto de Ĉina Popola Respubliko, pioniro de ĉina virina movado kaj esperantistino-pioniro (studinta la lingvon en 1913 en Popolamasa Lernejo, Pekino). Memore al tio en Pekino okazis solena kunveno kaj la Pekina Xiqu-a PM-kompanio pretigis du memorigajn filatelaĵojn: Unu el ili estas oficiala Esperanta memoriga stampo kaj surskribo de veterana verkistino Xie Bingxin (1900~) sur PM-tutaĵo. La stampo portas portretojn d ŝi kaj de ŝia edzo Zhou Enlai, iam ĉefministro de Ĉina Popola Respubliko, kaj ili ambaŭ estis ege estimataj de la ĉina popolo. S-ino Bingxin estis intima amikino de s-anino Deng Yingchao, kaj ankaŭ unu el la fondintoj de la asocio "Amikoj de Esperanto" kaj tre simpatia al Esperanto.

La unua de februaro 1994 estis la 80a naskiĝ-datreveno de fama ĉina esperantisto Xu Shouzhen (Eltunko, 1914-02-01~1949-12-07), kaj memore al tio la Pekina Xiqu-a PM-Kompanio uzis oficialan Esperantan memorigan stampilon. S-ano Xu Shouzhen naskiĝis en la urbo Zhenjiang de Jiangsu-provinco kaj eklernis Esperanton en 1934. Post tio li multe kontribuis por kaj per nia lingvo: Li instruis Esperanton en diversaj E-kursoj de diversaj lokoj, fondis kaj redaktis Esperantajn gazetojn "El Ĉina Muziko" kaj "Ĵurnalisto", esperantigis multajn progresemajn kantojn kaj Esperante verkis multajn batalraportaĵojn. Liaj raportaĵoj "Kial ĉinaj esperantistoj batalas por la Nov-demokratisto" k.a. estis aperigitaj en la Esperanta gazeto "Internacia Kulturo" k.s., kaj estis bone utiligitaj kiel veraj materialoj en prelego de fama ĉina esperantisto-verkisto Ye Junjian (Cicio Mar) al la 34a UK okazinta en 1949 en Boumemouth, Britio. Sed estas tre domaĝe, ke tiu talenta esperantisto, kiu multe kontribuis "per Esperanto por la liberigo de Ĉinio", kaj en kiu la fama japana esperantistino Verda Majo estis vidinta la esperon de Ĉinio, estis mortigita de la reakcia registaro en la 7a de decembro 1949, antaŭ la fondiĝo de la nova Ĉinio.

La oficialaj Esperantaj memorigaj stampoj estis desegnitaj de ges-anoj Xie Shaoxing kaj Tan Ailing.

*Prepara grupo de Ĉina Esperanta Filatela Asocio ĉe s-ano Ni Dongyang,*
*"El Popola Ĉinio", P.O. Kesto 77, CN-100037, Beijing, Ĉinio*

## *1.8 Irana Esperantista Junulara Organizo*

La organizo estas sendependa centro rilate al Irana Esperantista Junularo, kiun establis kelkaj aktivaj junaj espemtistoj en junlio 1993.

La celo de IREJO estas disvastigo de Esperanto en Irano kaj precipe inter iranaj junuloj. Dum la pasinta jaro la organizo sukcesis okazigi unuan Esperanto-kurson en la universitato de Tabrizo, unu el gravaj urboj en Irano.

Kompreneble ankaŭ nia organizo havas multajn malfacilaĵojn kiel aliaj aziaj asocioj,

sed tiuj aferoj ne kaŭzas, ke ni ne klopodu male en IREJO. Ni pensas, ke ni devas laboradi por solvi tiun problemon. Nia sendependa organizo bezonas materialojn pri instruado, ĉar bedaŭrinde en Irano ne troveblas Esperantaĵoj kaj nia novnaskita organizo ankoraŭ ne havas eblecon publikigi lerno-librojn kaj similajn bezonaĵojn, do laŭeble ni petas indan helpon pri tio.

IREJO petas sincere kunlaboron kun "Azia Movado", kredante ke nur laŭ kunlaborado ni povas disvastigi Esperanton en Azio.

*M. Reza Torabi, la gvidanto de IREJO/ P.O. Kesto 17765-184, Tehran-17, Irano*



*Irana Esperantista Junlara Organizo*

## 1.9 Fondiĝis ĉinaj asocioj diversaj

La 15an de aprilo en Pekino fondiĝis Ĉina Filatela Esperanto-Asocio kaj Ĉina Vejĉina Esperanto-Asocio. Tri tagojn poste, t.e. la 18an naskiĝis Ĉina Medecina Esperanto-Asocio en Zaozhuang, karbourbo en Shandon-a provinco. La novaj organizaĵoj estas tuj sekve de junaj ĈJEA kaj ĈFEA fonditaj en la lasta marto de 1993. Zhu Mingyi fariĝis prezidanto de ĈFEA, Mei Luo prezidanto de ĈVEA, kaj TU Bing prezidanto de ĈMEA. La respondeculo de ĈEL diris, ke la organizaĵoj estas grupmembroj de ĈEL kaj nun estas junaj, eĉ infanecaj, tamen li kredas, ke ili rapide fortiĝos. Ankaŭ li montras, ke en la futuro pliaj fakaj asocioj troviĝos en Ĉinio. Se vi interesiĝas pri tio, havu kontakton ĉe: ĈFEA aŭ ĈVEA aŭ ĈMEA, P.O. Kesto 825, Pekino

*Wang Jianbing: Ĉina Esperanto-Ligo/ P.O. Kesto 825, Pekino, Ĉinio*

## *1.10 Okazis mallonga kurso en Bangaloro, Bharato (Hindio)*

Bangalora Esperanto-Centro organizis la 6an mallongan Esperanto-kurson de la 9a ĝis la 19a de majo. Partoprenis 35 homoj.

D-ro Odilo Pillai, el Pandiĉeri gvidis la kurson dum 6 tagoj, poste d-ro Ŝirdi Prasad Tekur dum 2 tagoj kaj laste Pradhan dum 2 tagoj. Oni instruis bazan Esperanton kaj kuraĝigis partoprenantojn paroli Esperante.

En la lasta tago estis impona funkcio. S-ro Sundareŝ Sogal estis la ĉefgasto. S-ro Sogal estas grava subtenanto de Esperanto-movado en Bangaloro. Li mone helpis dum la tutlanda kongreso, kiun Bangalora Esperanto-Centro okazigis en 1992. Poste li helpis presi 10,000 kopiojn de Esperantaj flugfolioj. Li estis feliĉa pri la kresko de nia movado, kaj certigis ke li daŭrigos sian helpon al nia centro.

La partoprenantoj de la kurso estis el diversaj klasoj de la socio. Estis unu sciencisto, inĝenieroj, kuracistoj, studentoj, dommastrinoj. S-ro Hari Rao, sciencistoj en NAL prelegis dum la funkcio kaj fraŭlo Praŝanth prelegis Esperante.

La ĉefgasto disdonis atestilojn al la partoprenantoj.

Estis ekspozicio de Esperanto-afiŝoj, libroj kaj gazetoj. Multaj homoj aĉetis la libron de d-ro Ranganayakulu kiel legmaterialon kaj kelkaj iĝis 3-jaraj membroj de Bangalora Esperanto-Centro.

*S.S. Pradhan/ 97, 24th Cross, 3rd Block East, Jayanagar, Bangalore, 560011 Hindio*

## *1.11 Instruado de Esperanto funkcias bone kaj regule en Shandong Universitato, Ĉinio*

Delonge Esperanto-kurso funkcias en Shandong Universitato, la ĉefurbo de Shandong provinco, Ĉinio. Ĉiujare pli ol cent gestudentoj el diversaj fakultatoj lernis nian lingvon en la kurso.

En 1993 multaj gestudentoj lernis de la komenco ĝis la fino en la kurso kaj ricevis bonajn rezultojn. Kutime lernantoj lernas Esperanton du horojn semajne. Dum duonjaro, t.e. unu semestro, ili lernas 20 lecionojn, entute 15 tekstojn. Pro tio, ke ili jam lernis la anglan lingvon, do Esperanto ne estas tre malfacila por ili. Ili ŝatas posedi aliajn lingvojn dum nelonga tempo. Ĝuste nia lingvo estas tia, kian ili volas lerni. Tial ĝenerale ili lernas diligente kaj persiste en la kurso. Aliflanke, kiel instruisto de Esperanto, mi faras ĉian eblecon por allogi gestudentojn lerni kaj praktiki nian lingvon. Antaŭ komenco de la lecionoj, ni prezentas la historion de Esperanto kaj la vivon de kreinto de Esperanto, d-ro Zamenhof. Mi emfazas precipe la internan ideon de Esperanto. Ĉar en la tempo en kiu multaj homoj cerbumas ĉiujn rimedojn por gajni pli multan monon, lerni iun lingvon, kiu ne povos alporti al lernantoj multe da profito, estas iom malsaĝe en okuloj de multaj

homoj. Mi opinias, ke unue instruisto devas klarigi al lernantoj, ke lerni Esperanton ne estas por gajni profiton, sed por interkomuniki inter popoloj, por starigi bonan mondon, por la amikeco, por la tutmonda paco kaj por la harmonia homaro. "Nur kiam vi havos tiun sanktan kaj noblan idealon, tiam vi certe lernos diligente kaj persiste Esperanton kaj fariĝos vera esperantisto." Dum instruado mi ankaŭ prezentas Esperanto-movadon de nia provinco, de aliaj landoj kaj de la mondo, profitante dek minutojn en la komenco aŭ en la fino de leciono. Esperanto-novaĵoj, historio de Esperanto, rakontoj de esperantistoj ofte interesis multajn lernantojn kaj ĉio ĉi elvokis intereson de gelernantoj pri Esperanto. Mi ofte proponas al ili skribi leterojn al esperantistoj. Ankaŭ korespondo allogis kelkajn lernantojn. En la lasta semestro mi prezentis adreson de nia samideano en Hispanio al mia lernantino. Ŝi ricevis tuj respondon de hispana esperantisto, kaj tio multe ĝojigis ŝin kaj ŝi montris la leteron al ŝiaj koleginoj kaj diris al ili ke ŝi korespondas per Esperanto! Esperanto helpis ŝin trovi fremdan amikon! Kompare kun tiuj, kiuj lernas la anglan lingvon, Esperanto evidente montris sian avantaĝon. Poste pli multaj lernantoj demandis al mi adreson de alilandaj esperantistoj.

"Ĉiuj esperantistoj estas semoj, tiu devas propagandi kaj disvastigi Esperanton ĉie kaj ĉiam." Mi ofte diris tion al miaj lernantoj. Lastjare, f-ino Zhou diplomiĝis el nia universitato kaj forlasis nian urbon kaj reiris en sian urbon, Iom poste mi ricevis ŝian leteron, en kiu ŝi diris al mi, ke ŝi ne forgesis miajn vortojn kaj nun la loka Esperanto-asocio jam invitis ŝin instrui Esperanton. Ŝi kontente akceptis kaj laboras pene por disvastigi nian lingvon. Ankaŭ multaj aliaj studentoj fariĝis aktivuloj de Esperanto-movado en diversaj lokoj post diplomiĝo.

Ĉi-semestre en nia Esperanto-kurso estas pli ol 30 lernantoj. Ili jam lernis Esperanton je 20 lecion-horoj kaj ili jam povas konversacii simple kaj legi facilajn legaĵojn. Por vigligi la lernadon, gestudentoj mem organizis Esperanto-rondon. Ĉiudimanĉe vespere post vespermanĝo, ili kunvenas sur herbaro antaŭ instrua domego por interparoli Esperante. Iam mi partoprenas en la rondo kaj instruas al ili Esperantajn kantojn. Mi montras leterojn senditajn de miaj esperantistaj amikoj el Francio, Anglio, Japanio, Koreio kaj aliaj. Legante la leterojn mi klarigas gramatikon, kiun ili ankoraŭ ne lernis. Tio riĉigis iliajn sciojn pri Esperanto, ankaŭ ili ellernis multajn gramatikojn, historiojn kaj sciojn, kiujn ili ne povas lerni en la libroj. Ankaŭ mi ĝuis la ĝojon kune kun ili.

Kompreneble ne ĉiuj lernantoj povas persiste lerni Esperanton ĝis la fino de la kurso. Pro diversaj kaŭzoj, kelkaj lernantoj ĉesigis sian lernadon de Esperanto. Laŭ mia sperto, ofte en la komenco de la kurso de Esperanto, lernantoj estas multaj, sed iom post iom kelkaj foriras. Ekzemple ĉi-semestre en la unua leciono estis pli ol 80 lernantoj, la klasĉambro estis ege plena, iuj eĉ staris dum du lecion-horoj ĉe la pordo, en la koridoro. Tamen ili malaperis nun. Pri tio mi ne malesperas, ĉar mi pensas, ke estas ankaŭ sukceso de mia laboro, eĉ se forlasintoj de Esperanto-kurso sciis nur la vorton "Esperanto" post

unufoja aŭ dufoja aŭskultado en la kurso, ĉu ne? Multaj homoj ankoraŭ ne scias, ke en la mondo ekzistas ankoraŭ artefarita internacia lingvo Esperanto!

Ĝis nun jam pli ol 200 gestudentoj lernis Esperanton en Esperanto-kurso de Shandong Universitato, ili estas veraj esperantistoj, ĉar ili jam povas paroli kaj skribi en Esperanto, ili ne estas ĉiamaj komecantoj de Esperanto. Kelkaj el ili sukcesis en diversgradaj ekzamenoj de Esperanto kaj pro Esperanto ili ricevis titolojn de diversaj postenoj. Ĉar oni devas mastrumi unu fremdan lingvon por ricevi titolon de iu posteno ĉi tie, oni jam konfirmis, ke Esperanto estas fremda lingvo.

*Liu Xiaojun/ Shandong Daxue, Waiguoyuxueyuan Xiyuxi, CN-250100, Jinan, Shandong, Ĉinio*

## 1.12 Ĉina movado - survoje

Dum aŭtuno 1993 mi vojaĝis en Ĉinio tri monatojn studocele. Mia vojaĝo direktiĝis ĉifoje, la kvina fojo en Ĉinio por mi, al la nordo de Ĉinio. En la komenco kaj fino de mia vojaĝo mi restadis dum kelkaj semajnoj en Pekino, kie mi preskaŭ ĉiutage estis en la oficejo de Ĉina E-Ligo. La observoj baziĝas sur diskutoj kaj impresoj, kiujn mi havis en Pekino, Chengde (250 km nordoriente de Pekino), Interna Mongolio kaj Gansu (ambaŭ en la nordokcidento).

Pri la ĝenerala stato de Ĉinio jam amaskomunikiloj plenas, sed mi mallonge resumu pri la evoluo dum la lastaj jaroj. Ekde kelka tempo Ĉinio praktikas malferman politikon kaj liberigon de la merkato, kio signifas praktike ke estas pli facile private komerci kaj gajni monon en Ĉinio. La ekonomio pliboniĝas, ĉefe en la grandaj urboj de la sudo kaj oriento, kaj ili malfermiĝas al la ekstera mondo pli kaj pli. Komercistoj vojaĝas tra la tuta lando kaj multaj eĉ al eksterlando por gajni monon. La socio rapide ŝanĝiĝas, ĉar la nova vivo ja postulas pli da mono ol antaŭe, kaj do ĉiu devas gajni monon, ne nur private, sed multaj por sia laborunuo (ĉine: danwei), kiu ja donas salajron. Multaj laborunuoj nuntempe donas plian monon laŭ la rezultoj. Tamen samtempe kun la ekonomiaj ŝanĝoj ekestas problemoj: Senlaboreco, malsekureco ktp.

El movada vidpunkto okazas ankaŭ aliaj aferoj en tiuj ĉi novaj tempoj: La angla iom post iom penetras la konscion de la ĉinoj, kaj nun ĝi jam furoras en lernejoj. Milionoj da ĉinoj lernadas ĝin, ĉar ĝi ja povas alporti monon, laŭ la ĝenerala koncepto. Same multaj ĉinoj sakras pri ĝia malfacileco, kaj tiuj kiuj lernis ĝin konstatas, ke efektive ĝi ne reale tiom alportas monon, kiom ili imagis. Kaj homoj havas malpli kaj malpli da libertempo, ĉar la laboro kaj laborunua ĉefo postulas pli da tempo kaj pli da rezultoj ol iam ajn antaŭe. Oni respondecas mem pri siaj laborrezultoj nun en multaj lokoj, kaj pro tio pluraj movadanoj entiriĝis en tre hektikan laborvivon, koste de movada agado.

Tio tamen varias de regiono al regiono, ĉar en Pekino la mondo aspektas alia ol en Lanzhou, 1800 km de Pekino okcidenten, kaj Zhangye, urbeto 500 km norde de Lanzhou.

Ju pli fora la regiono de la marbordo, des malpli da hektiko kaj ŝanĝoj, kaj des malpli da malfermiteco socia. Tie tamen ankaŭ senteblas la rapidiĝo de la vivo, kvankam nur kvazaŭ reehe, kaj ne tiom amase kiel en la orientaj kaj sudaj partoj de Ĉinio.

Mi devas konfesi ke mi ne tute konsentas kun la pesimismaj voĉoj kiuj plendas pri la stagno, aŭ eĉ la pereo de la movado en Ĉinio. Multaj diris al mi ke dum la lastaj du jaroj okazis nenio en la ĉina movado. Tio eble estas prave pri certaj regionoj, sed neniel pri tuta Ĉinio. Prave, en pluraj lokoj dum du jaroj okazis tro grandaj sociaj kaj ekonomiaj ŝanĝoj por ke la homoj havu tempon okupiĝi pri io alia ol la propra laborposteno.

Plendoj tamen amasas: Homoj ne plu venas al kunvenoj, ĉar ne plu oni organizas kunvenojn (neniu havas tempon por tiaj aferoj), homoj ne plu volas lerni Esperanton, aŭ ne plu havas tempon lerni kaj okupiĝi, ne plu aperas gazetoj, kaj neniu plu emas ion fari por E, oni diris al mi konstante. Tamen plue aperadas La Mondo, la organo de Ĉina Esperanto-Ligo, sed ankaŭ ĝia abonantaro malkreskas, ĉar multaj sentas ke Pekino tro foras kaj ke oni tie ne scias, kio okazas en la provincoj. Tamen en la redaktejo de LM mi konstatis ke oni sufiĉe penas informiĝi, sed ke la provincoj mem ne informas al ĈEL pri sia agado. La laŭkaraktere pli revua kaj ne tiom movada El Popola Ĉinio aperadas regule kaj kiel kutime, sed ĝi suferas ne tiom pro la malkreskanta abonantaro en Ĉinio kiom pro la malaperintaj samideanoj en Orienta Eŭropo!

Efektive, mi vidis dum sep jaroj grandajn paŝojn antaŭen en la movado en Ĉinio, kaj mi ankaŭ nun vidis ke la aktivecoj jes ja pli kaj pli stagnas, aŭ malaperas en certaj regionoj. Oni plendis al mi i.a. ke ne plu oficejestroj tiom akceptas forestojn de la laborejo pro Esperanto, ĉar multaj estroj nun favoras la anglan, kaj konsideras Esperanton hobio farenda ekster laborhoroj. Tio ankaŭ tre varias, laŭ mia sperto, de estro al estro. Tio tamen kun la grandaj distancoj enlande havas seriozajn konsekvencojn por pli grandaj renkontiĝoj: Ĉinoj jam havas malmulte da libertagoj dum la jaro, kaj por partopreni en iu kunveno ie, necesas por plej multaj longe vojaĝi, eĉ ene de provinco! Tial malfacile okazas renkontiĝoj sur alia nivelo ol la loka.

Mi fakte intertempe pli konsentas el pluraj vidpunktoj kun la voĉoj kiuj diras ke efektive, post la "varmaj" jaroj ĉirkaŭ la UK en 1986, la movado ekpaŝas pli normale, kaj ne plu kuras perdante sian spiron en la rapidaj turniĝoj. Tiam, en la varmaj tempoj, multege da homoj volis eklerni la lingvon, kaj tio fruktis en i.a. televidan kurson, en diversajn aranĝojn, kursojn, lernolibrojn, en viglegan movadon. Mi tamen ne pensas ke tio ĉesis, sed nur malpliiĝis. La veraj esperantistoj, tiuj kiuj efektive tiam ankaŭ ion faris, ne malaperis (mi kunvenis en i.a. Hohhot en Interna Mongolio; en Lanzhou kaj Zhangye en Gansu kun lokaj grupoj; en aliaj lokoj kun unuopuloj; en Chengde kun salonego da lernantoj kaj aktivuloj; kaj mi estis bonege gastigata far la provincaj asocioj en Interna Mongolio kaj Gansu kaj la urba asocio en Chengde), nur malaperis la amasoj. Tio ja estas videbla evoluo, kiu trovas paralelon pli fruan laŭtempe: Orienta Eŭropo kie movado ne

sukcesis pluvivi tiom amasa kiom ĝi iam estis. Homoj simple ekhavis aliajn okupojn, kaj aliajn pensojn, aliajn prioritatojn en la vivo. La esperantistoj nun devas tamen labori en pli komplika socio ol antaŭe, ne nur en Ĉinio sed en Orienta Eŭropo same: Resume, pro la angla "venko", nome la modo lernadi la anglan, kaj pro la tempomanko ĉe la unuopuloj, kaj pro tio ke nun Esperanto estas unu el multaj aferoj, unu el pluraj lingvoj ofertataj al la homoj, kaj ne tiom privilegia kiom antaŭe, nek tiom unika kiel "eksterlanda" lingvo.

Kaj la koncepto, ke Esperanto ja ne alportas monon, estas forta en Ĉinio. Tamen pluraj movadanoj provas kontraŭbatali tion kaj per diversaj metodoj gajni monon per Esperanto: Mi ĉifoje vizitis la Esperanto-Asocion en Chengde, kie ĝia prezidanto s-ro Sheng Junyi laboras plentempe per kaj por Esperanto, kun stabo da kunlaborantoj kiuj same celas gajni monon per kaj tiel por Esperanto-agado. Ankaŭ en i.a. Xi'an estas vigla mongajnado per komerca perado-sistemo. Sed efektive, Esperanto alportas malpli da mono, ĉar ja plejparto de la esperantistoj aliloke ne estas komercistoj, kaj eksterlandaj komercistoj ja parolas la anglan ofte, multe pli ol Esperanton.

La asocioj kiujn mi vizitis multe parolis pri tio ke ili nun mem devas gajni monon por si, ĉar ili ne havas rimedon konvinki membrojn pri ekz. altigo de la membrokotizo (ja ne ĉiuj membroj trafis la grandan monfonton!), kaj do necesas komerci. Tiun vorton mi aŭdis same ofte kiel "mono necesas en la hodiaŭa socio"- ambaŭ tre pravaj, se oni volas elturniĝi en Ĉinio. La esperantistoj devas serĉi novajn agadmodelojn, kaj ne plu aperas interesatoj sen varbado, sed oni devas ekagi pli vaste por allogi novajn homojn. Unu maniero estas varbi ĉe la junularo. En Ĉinio ja estas multaj gejunuloj, kiuj interesiĝas kaj dum studado povas havi tempon. Unuafoje en la historio de la movado ĉina la estraro de la nova junulara asocio kunvenis tre sukcese en la komenco de decembro kun reprezentantoj junaj el diversaj urboj en la provinco Hebei (ĉirkaŭ Pekino) kaj Pekino, por ekscii pri la bezonoj kaj la kondiĉoj, en kiuj laboras la asocioj en tiu ĉi regiono. ĈEL kunvenis jam antaŭe kun la sekretarioj de la provincaj asocioj similcele.

La defio nun por la ĉina movado estas kaj estos dum la venontaj jaroj la granda diskuto: Kiel paŝi (plue) en la nova(n) socio(n)? Kiel agadi, kaj kiel financi la agadon? Kian rolon ludu ĈEL/ĈJEA por la esperantistoj en la nova socia ordo? Kaj: kian rolon ludu Esperanto kaj la esperantistoj en la ŝanĝiĝanta socio en Ĉinio?

*Sabira Stahlberg/ c/o, GEJ Rheinweg, 15, D-53113 Bonn, Germanio*

## 1.13 Resumo de la laŭloka Esperanto-movado en Japanujo en 1993

**Antaŭparolo**

Japana Esperanto-Instituto (JEI) sendis ĉ. 150 enketilojn al diversaj Esperanto-organizaĵoj en Japanujo, por sondi la staton de la agadoj en la jaro 1993, en aprilo 1994.

Pli ol 90 enketiloj revenis, ĉefe de lokaj rondoj.

Jen estas la resumo de la Esperanto-movado, sondebla laŭ tiu materialo.

### *1. Kunvenoj pli-malpli regulaj*

#### *1.1 Ofteco*

56 organizaĵoj (ĉefe lokaj rondoj) respondis pri sia regula kunveno.

Entute 80 serioj da kunvenoj okazas. Ni aparte kalkulis 'serion' de kunveno, kiam tio okazas en alia tago de la semajno aŭ en alia kunvenloko.

*Ĉiusemajne monate okazas: 35 serioj, inter ili 5 en sabato aŭ dimanĉo.

*2 fojojn monate okazas: 17 serioj, inter ili 7 en sabato aŭ dimanĉo.

*Unu fojon monate okazas: 26 serioj, inter ili 19 en sabato aŭ dimanĉo.

*Ne-regule, aŭ nur en difinita sezono okazas: 2 serioj.

El tio ni vidas, ke semajnaj kunsidoj okazas ĉefe en semajntago, kaj monata kunsido ĉefe en feria tago.

#### *1.2 loko*

El la 80 serioj, pli ol duono okazas en publika kunvenejo.

*En halo, centro k.s. de municipo aŭ komunumo okazas: 42 serioj.

*En aliaj haloj, kunvenejoj (ne-esperantaj) okazas: 15 serioj.

*En ĉambroj, oficejoj de Esperantaj grupoj okazas: 8 serioj.

Tiuj estas en la urboj Sendai, Tokio (JEI), Yokohama (Jokohamo), Kitakyuusyuu.

*En kafejo aŭ restoracio okazas: 4 serioj.

*En la hejmo de rondanoj okazas: 11 serioj.

#### *1.3 lernolibroj*

Multaj libroj aŭ materialoj estis uzataj por lerni Esperanton. Ĉi-sube listigitaj estas nur tiuj, kiuj estas uzataj en pluraj serioj. 'La Unua Kursolibro de Esperanto', 'Ĉu vi parolas Esperante?'(sonbende),

'50 Fabloj de Ezopo', 'Hanako lernas Esperanton', 'Vere aŭ Fantazie', 'Gerda Malaperis','77 Ŝlosiloj por Japana Civilizacio', 'La Eta Princo',

'Gooŝ, la Ĉelisto','El Popola Ĉinio', 'Esperanto Eksprese'.

### *2. Kursoj*

En la organizaĵoj okazas kursoj, aŭ en la kadro de la supre menciita regula kunveno, aŭ aparte. Ne ĉiuj rondoj kun regula kunveno okazigis Esperantan kurson en 1993.

Jen estas la raporto de la 37 serioj de kursoj el 26 rondoj.

*Kursoj nur por 1 tago okazis: 8 fojoj. Estis entute 115 kursanoj, do meznombre 1 kurso altiris 14,3 kursanojn.

*Kursoj por 4 ĝis 8 tagoj okazis: 3 fojoj. La kursoj altiris 3 ĝis 7 anojn. (Sumo nekonata pro informo-manko).

*Kursoj por pli ol 8 tagoj okazis: 26 fojoj, el ii 23 kiel ĉiusemajna kurso.

Estis entute 96 kursanoj, do meznombre 1 kurso altiris 3,7 kursanojn. Plej multaj el la kursoj uzis 'La Unua Kursolibro de Esperanto' kiel la gvidomaterialon. Ĝi havas, krom la kursolibro por ĉiu kursano, apartan gvidilon kaj 'hejm-ekzercan materialon'.

*3. ĝemela rilato*

13 rondoj raportis pri sia konstanta amika rilato kun entute 25 alilanda rondo aŭ organizo. Multaj el ili estas la rilato kun E-rondo de la ĝemela urbo.

*La Organiza Fako de Japana Esperanto-Instituto*

*1994-06-16 (respondeculo: Sibayama Zyun'iti)*

# 2. Proponoj

## 2.1 Azianoj bezonas azian kongreson

Puramo CHONG

UK en Seulo estas la tria kongreso en azia regiono. Ni memoras la unuan en Tokio en 1965, la duan en Pekino en 1986. Same kiel en tiuj du kongresoj multaj aziaj esperantistoj ankaŭ ĉi-foje partoprenas en Seula UK, ĝojante, ke tia grandskala internacia evento, kia Universala Kongreso, okazas en ilia najbara, proksima lando. Sed strange estas, ke ili ne serioze demandas, kial la universala kongreso tiom malofte okazas en azia lando, sed ofte en eŭropaj landoj. Eblus diri, ke ne nur eŭrupaj sed eĉ ankaŭ aziaj esperantistoj opinius la eneŭropajn UK jam normalaj kaj kutimaj.

Jam estas teda temo, ĉu Esperanto estas eŭropa lingvo aŭ ne. Sed nun ni levu la similan demandon antaŭ ni ĉiuj, ĉu Universala Kongreso estas nur *eŭropa* evento. Aktuale kaj bedaŭrinde, UK estadis ja eŭropa evento laŭstatistike. Per aliaj vortoj, Universala Kongreso ĝis nun okazis absolute por eŭropanoj, por la avantaĝoj de eŭropanoj. Esceptoj estis nur kelkaj el entute 79 kongresoj, inklude tri kongresojn en Azio.

La 79a UK en Seulo estas titole *universala* kongreso, sed pli ĝuste dirite ĝi ne estas universala sed azia, azieca kongreso. Se oni konsultas la statistikon de la kongresa libro, ili tuj konscios, ke tio estas fakto, preskaŭ 60 % - ĉ. 1000 el 1700 - de la kongresanoj en Seula UK estas aziaj esperantistoj. Azianoj laŭnombre superis eŭropanojn en tiu ĉi UK! Tio ĉi estas nova rekordo en la historio de la multnaciaj Esperanto-aranĝoj en la mondo. La fakto tre klare figuras la esperon kaj eblecon de Esperanto-movado en azia regiono kaj aliflanke bonaŭguras, ke Esperanto povas enradikiĝi ankaŭ en azia regiono same kiel en

Eŭropo.

Signifoplene estas, ke multege da aziaj esperantistoj povis partopreni en Seula UK simple pro tio, ke ĝi okazis en ilia najbara lando. Movadanoj kaj gvidantoj de Esperanto-movado nepre devas ne preteratenti la fakton. Estas ne malfacile antaŭdiri, ke en la venontjara UK en Tampere ege malmultaj azianoj partoprenos pro ekonomia kialo. Laŭ statistiko, la kutima proporcio de aziaj partoprenantoj de eneŭropaj UK estis ĉiam pli malpli 10 %. Tio tamen certe ne signifas, ke ties regiona Esperanto-movado tiom malfortas, sed fakte tio okazas ĉefe pro ekonomia problemo. Tion nun bone pruvas ĉi-somera Seula Universala Kongreso.

Eĉ ne necesus ripete diri, ke tiaj internaciaj eventoj, kiaj UK kaj aliaj multnaciaj okazaĵoj absolute bezonatas por fortigi nian Esperanto-movadon. Homoj eklernas Esperanton kaj komencas legi kaj korespondi. Fine partopreninte en la internacia evento, ili ja vidas propraokule, ke la lingvo artefarita funkcias kvazaŭ etna lingvo. Ili vidas multajn homojn, kiuj parolas Esperanton same kiel gepatran lingvon. Do komencantoj fine konvinkiĝas, ke ja lerninda estas Esperanto, kiu vive funkcias kaj praktikeblas. Sed tamen tiu fortuno ĝis nun estis monopolaĵo nur de eŭropaj esperantistoj kaj de treege malmultaj ekonomie kapablaj azianoj. Absolute multnombraj aziaj esperantistoj ankoraŭ estadis for, kaj pli precize dirite, izolitaj de tiuj avantaĝoj. Ĉu Esperanto estas propraĵo de riĉuloj, kaj ĉu Esperanto estos luksaĵo de kapablaj homoj? Ĉu Esperanto restos kvazaŭ nobla lingvo kiel la franca en la renesanca epoko, kiun nur prestiĝuloj en alilandoj lernis kaj ĝuis? Ni ne simple neu, memrigardante la aktualan situacion en Azio.

Se vere oni deziras, ke Esperanto floru ankaŭ en azia regiono, oni devas vere serioze kaj dekomence pritrakti la strategion de nia movadlinio. Mi ne emas levi donkiĥotan proponon, ke ekde nun Universala Kongreso multe pli okazu en aziaj landoj ol en Eŭropo. Tio eble estus ne realigebla afero en la nuna situacio. Mi do volas emfazi ĉi-stadie, ke aziaj esperantistoj ja bezonas azian kongreson. La tempo kaj situacio jam sufiĉe maturiĝis, kaj tio estas plej necesa bezono en nuna azia movado. Aziaj esperantistoj do egale al la eŭropaj, devas plene povi ĝui internacian renkontiĝon en relative malmulta kosto. Ne timante pro granda ŝarĝo de tempo kaj mono azianoj volas ĝui plenan internacian renkontiĝon. Azianoj pli malfortas ekonomie ol eŭropanoj, do tiaj deziroj estas des pli normalaj. Ne nur por ĝui renkontiĝon, sed ankaŭ por pli fortigi kaj vigligi regionan movadon, ni bezonas nian kunsidon. La mankon de tiuj regulaj multnaciaj renkontiĝoj inter azianoj sentis homoj jam antaŭ preskaŭ 30 jaroj, de Tokia UK en 1965. Laŭ la arkivo, oni ekdiskutis la problemon en Tokia UK, kaj poste en la jaro 1972 30 homoj oficiale kunsidis kaj fervore diskutis pri la ebleco de tiu regula kongreso eksterkadre de UK. En 1976 la semo ja bruĝonis en Melbruno, Aŭstralio kiel la unua Pacifika Kongreso (PK). Ekde tiu jaro ĉiujn kvarajn jarojn okazas la PK ĝis nun. Tamen malsame ol la ideo kaj celo en la komenco, la pacifika kongreso okazis ne en aziaj landoj. La unua PK en

Melburno (Aŭstralio), la dua en Vankuvero (Kanado) en 1980, la tria en Portlando (Usono), kaj la kvara en Brisbano (Aŭstralio) en 1988.

La malsukcesojn de tiuj ekster-aziaj PK-oj klare pruvas la nombroj de partoprenantoj: En la unua 242, en la dua 180, en la tria 100 kaj en la kvara 201.

Per tiom da sumo oni ne rajtus nomi ĝin internaciskala. Pri la kvina PK en Qingdao (Ĉinio) en 1992 oni tamen povas iel nomi ĝin sukcesinta kongreso: Partoprenis en ĝi entute 614 el 16 landoj.

En Qingdao-Kongreso partoprenis ĉ. 460 ĉinaj esperantistoj, kaj tio estas pli ol du-triobla sumo de la nombro de la normala PK-partoprenantaro. Se multnacia renkontiĝo inter esperantistoj en iu regiono celas kuraĝigi, pliviglgi kaj plifortigi la regionan Esperanto-movadon, mi diru, ke PK jam perdis sian ekzistkialon kaj oni devas ĝin anstataŭi per estonta azia kongreso en jenaj kialoj: PK tro malofte okazas (ĉiujn kvarajn jarojn), kaj fariĝis jam la luksaĵo de kapablaj homoj - nur malmultaj monhavaj homoj povas partopreni en tiu longdistanca kongreso. Por tio sufiĉus unu Universala Kongreso.

Seula Kongreso estu la ŝanco por serioze pridiskuti la eblecon de Azia Kongreso. Azia Kongreso tamen neniel estu alternativaĵo, nek anstataŭaĵo de Universala Kongreso, ĉar la celoj de du kongresoj devas esti malsamaj. Ni jam konfirmis la eblecon de tiu estonta Azia Kongreso en Qingdao en 1992 kaj denove ni vidos plenan esperon de tiu regula renkontiĝo inter azianoj ĉi-jare en Seulo, kie historie kunsidas miloj da azilandaj esperantistoj.

*Puramo CHONG/Kwangmyong-shi, Kwangmyong 2 dong, 50-5, Kyongki-do, 423-012 Koreio*

## 2.2 Esperanto-familioj kunvenu ĉiujare en Ĉinio por interŝanĝi spertojn de vivo kun dulingveco

Mia filino Rava estas 5-jara. Kiam ŝi estis ankoraŭ feto, mi kun mia edzino jam komencis alparoli al ŝi Esperante. Post ŝia naskiĝo mi parolas kun ŝi Esperante ĉiam, kaj ŝia panjo ĉine. Nun Rava tre bone komprenas kaj parolas en du lingvoj.

Sed temen, lastatempe la knabino pli kaj pli ne volas paroli en Esperanto. Ŝi "forgesas" multajn vortojn Esperantajn. Mi ne scias, ĉu ŝi intence "forgesas", aŭ ne. Kiam ŝi volas ion diri al mi, ŝi ne rekte diras, sed ofte turnas sin al sia panjo kaj diras ĉine. Evidente ŝi evitas uzi Esperanton. Kial? Ĉu la lingvo alportis al ŝi ian malagrablaĵon?

Ĉiutage Rava vizitas infanvartejon; en ĝi ŝi ludas kun gekamaradoj kaj instruistinoj; ŝi ne povas praktiki Esperanton, kiun la aliaj tute ne komprenas. Cetere ĉina lingvo treege diferencas de eŭropaj lingvoj je parolo kaj skribo. Por esprimi saman esencon oni uzas pli multajn silabojn en Esperanto ol en la ĉina. Infano bone prenas la simplan kaj oportunan esprimmanieron. Tio ja malhelpas nian esperantigadon.

Mi tre esperas provizi al mia infano medion, por ke ŝi praktiku Esperanton dum ludado kun en-kaj eksterlandaj esperanttistaj infanoj. Kvankam pro la aktuala kondiĉo ni ne povas ankoraŭ iri eksterlanden por kontakti kun alilandaj Esperanto-familioj, tamen mi volonte bonvenigos ilin, precipe 4-10 jarajn infanojn en mia hejmo. Mi proponas, ke Esperanto-familioj kunvenu ĉiujare en Ĉinio por interŝanĝi spertojn de vivo kun dulingveco. Mi esperas, ke estos pli multaj homoj zorgi pri la esperantigado al infanoj.

*Zhang Yongdong (Ĝojlo), Ĉinio*

## 2.3 Verku artikolon, kiu enhavas ĉiujn fundamentajn vortojn

Oni scias, ke malfacilo de Esperanta lernado estas memori novajn vortojn. Kiel faciligi tion? Mi pensas, ke se estus tia artikolo, kiu enhavas ĉiujn fundamentajn vortojn, lernantoj de Esperanto parkerinte la artikolon povas facile memori la vortojn. Sed la artikolo devus esti laŭeble mallonga kaj interesa. Mi proponas, ke kapablaj esperantistaj verkistoj verku tiajn artikolojn.

*Huang Yinabao, EASTEJ./ Jingchuan, Xian Kewei, Gansu 744300 Ĉinio*

## 2.4 Oni prezentu movadan historion de bonaj kapablaj esperantistoj en "EeA"!

En nia movado estas multaj bonaj kapablaj aktivuloj kaj kontribuantoj kiel d-ro SO Gilsu, ges-roj DOJ Ĉieko kaj Hirokaz kaj aliaj. Ilia movada historio estos interesa al esperantistoj. Verkaĵoj pri tio instigos venontajn esperantistojn dediĉi sin al nia movado. Mi esperas, ke oni prezentos ilin en "Esperanto en Azio".

*Huang Yinabao, EASTEJ./ Jingchuan, Xian Kewei, Gansu 744300 Ĉinio*

## 2.5 Grandajn subtenojn kaj helpon al la unuan Esperanto-lernejon por infanoj kaj geknaboj en Ĉinio

Linhai-a Infana Esperanto-Lernejo (LIEL), fondita en la unua de junio 1989, estas la unua Esperanto-lernejo por infanoj kaj geknaboj en Ĉinio.

Mi pensas, ke precipe en Ĉinio kaj aliaj aziaj landoj Esperanto-instruado por infanoj kaj geknaboj estas gravega. Niaj gelernantoj deziras korespondi kun samaĝuloj tutmonde. Ankaŭ ni volas havi ĝemelajn kontaktojn kun E-organizoj por infanoj kaj elementaj lernejoj. Ni esperas, ke ni povos ricevi grandajn subtenojn kaj helpon de internacia esperantistaro.

*Zhu En/ Xichengxia 10-hao, CN-317000 Linhai, Zhejiang, Ĉinio*

*tel. (0576) 588631, de lundo ĝis ĵaŭdo ĉiusemajne*

# 3. Informoj

## 3.1 La 2a Konferenco pri Ĉina Junulara Esperanto-movado

| | |
|---|---|
| organizantoj: | Ĉina Junulara Esperanto-Asocio<br>Henan-a Junulara Esperanto-Ligo |
| dato: | 1994-08-06~10 |
| loko: | Hotelo Huanghe (Flava Rivero), Zhengzhou |
| temo: | Esperanto, Junularo kaj 21a Jarcento |
| laborlingvoj: | Esperanto, la ĉina lingvo |
| rimarko: | La Dua Transnacia Renkontiĝo okazos samtempe kun la konferenco en Zhengzhou, la ĉefurbo de Henan-provinco. La organiza komitato de la konferenco bonvenigos alilandajn esperantistojn. |

*adreso de la organiza komitato: s-ro Kong Lei/ Qingzhensijie 129 Hao, CN-450004 Zhengzhou, Ĉinio telefono: (0371)6251066*

## 3.2 Azia junularo kaj TEJO

***TEJO aktivas por azia junularo***

Ĉu vere TEJO laboras ankaŭ por la azia junularo? Oni foje demandas. Ĉar en EeA malmulte aperas informoj pri TEJO, kaj pri ĝia agado rilate al Azio.

Efektive, informoj ĝis nun malmultas, sed agado multas. Inter la plej aktualaj ekzemploj: TEJO (Tutmonda Esperantista Junulara Organizo) ĉijare okazigos sian *Internacian Junularan Kongreson (IJK)* en Koreio - decido farita jam longe antaŭ ol UEA decidis okazigi UK en Koreio!

Krome TEJO ekde aŭgusto 1993 havas propran komisiiton pri Azia Agado - temas pri la eksa vicprezidanto de TEJO, Sabira Stahlberg, kiu malgraŭ kreskanta tempopremo dediĉas konsiderindan parton de sia tempo al la azia junulara agado.

***Principoj de agado***

Pro sia karaktero kaj limigita financa bazo, TEJO laboras alimaniere ol UEA pri Azia Agado. Oni povus nomi la laboron pli adaptiĝanta al la situacio de la junularo en la diversaj landoj. Tial, la celo estas *kunlaboro kaj kunordigado*. La kunlaboro estas rekta: La komisiito kaj la estraro de TEJO rekte kontaktas kun la asocioj kaj unuopaj grupoj, kaj instigas al kunlaboro en kaj inter la landoj.

La celo estas ke la junularaj asocioj utiligu siajn proprajn strukturojn kaj ideojn por krei sian propran agadon: TEJO fidas, ke la azia junularo kapablas kaj scias agadi, se ĝi havas liberecon por mem decidi pri la formo de sia agado, kaj havas sufiĉe da informoj kaj

materialoj de TEJO, kaj la bazon, kiun TEJO kiel internacia organizo povas provizi al ili. Efektive, tiel jam pluraj aziaj asocioj laŭdinde agadas!

***Novaj junularaj asocioj en Azio***

Por subteni kaj informi la novajn junularajn asociojn en Azio, en septembro 1993 tial aperis *broŝuro pri baza junulara agado en Azio*, verkita far Sabira Stahlberg kun Thomas Pusch, estrarano de TEJO pri informado. Ĝi intertempe iĝis populara legaĵo en pluraj landoj en Azio. Krome, la komisiito laboras per vizitoj, leteroj kaj konsiloj instigante novajn kaj jam ekzistantajn asociojn al agado.

Pro tiu intensa kunlaborado inter TEJO kaj aziaj landoj, jam aliĝis *Ĉina Junulara Esperanto-Asocio* al TEJO en 1993, kaj en 1994 aliĝos *Japana Esperanto-Junularo* kaj *Irana Esperantista Junulara Organizo*. *Korea Esperanto-Junularo* jam delonge (1964) membras en en TEJO.

***Stipendioj de TEJO por junaj ĉinoj***

En la komenco de majo 1994 okazis TEJO-seminario (unuafoje pri Ekstereŭropo!) en la jam por TEJO konata kaj uzata Junulara Centro de la Konsilio de Eŭropo en Strasburgo, Francio. Tie partoprenis invitite de TEJO kaj pagite de la Konsilio de Eŭropo flanke de Ĉinio Yu Tao, la prezidanto de ĈJEA kaj por Afriko Barnabas Magesse el Tanzanio. Poste ili vojaĝis en Germanio kaj ankaŭ vizitis la Centran Oficejon en Roterdamo. La partopreno kaj la vojaĝo estis tre sukcesaj kaj espereble malfermis la vojon al pliaj vizitoj de azianoj kaj afrikanoj al la regule okazantaj seminarioj de TEJO.

Tiaj seminarioj estas tre specialaj, ĉar ili estas pagataj de la Konsilio de Eŭropo, kaj havas la celon en limigita rondo serioze diskuti aktualajn temojn.

Krome, TEJO ĉijare decidis doni stipendion al partoprenontoj en la IJK, kaj do pagos - malgraŭ sia tre limigita buĝeto - la plenan partoprenon de kvar junaj ĉinoj al la IJK kaj por du en la UK, kaj krome por unu ĉino la restadkostojn en la IJK. Tiel unuafoje eblos por granda junulara delegacio el Ĉinio partopreni en la kongresoj.

***Nova azia redaktoro por* TEJO Tutmonde**

Ĝis nun Sabira Stalberg kolektis kaj informis al la plej grava porjunulara movada gazeto, *TEJO Tutmonde*, pri aktivecoj en Azio, sed ekde somero 1994 TT havas novan satelitan redaktoron en Azio. Li nomiĝas *TAI Hisayuki* kaj loĝas en Japanio.

Tiel, la torĉon pluportas aziano - kun esperoj, ke baldaŭ ankaŭ aliaj kapablaj gejunuloj en Azio transprenu gvidajn rolojn en la azia kaj alia agado de TEJO.

La adresoj:

*Sabira Stahlberg, c/o GEJ, Rheinweg 15, DE-53113 Bonn, Germanio.*

*Fakso: +49-228-23 27 64*

*Tai Hisayuki, 332 Japanio, Saitama-ken, Kawaguti-si, Hontyo 2-5-15 705.*
*Fakso: +81-48-226-4355*

### *3.3 Ĉu estas esperantistoj kaj Esperanto-rondoj en Norda Koreio?*

La 17an de majo 1994 mi renkontis ambasadoron de Norda Koreio, Rim Hoe Song, kaj ni priparolis pri Esperanto-movado en Norda Koreio. Li diris: Antaŭe estis la movado vigla kaj multaj libroj inkluzive vortaron estis eldonitaj; nun tamen estas nur malgranda rondo de esperantistoj spertaj.

*(el letero de Gambhir Man Shresta, Nepalo)*

## *4. leteroj de legantoj*

### *4.1 el Budapeŝto, Hungario 1993-05-012*

Estimataj gesamideanoj!

Kun granda ĝojo mi tralegis la 11an numeron de via ŝatata organo. Mi trovis kelkajn novajn titolojn por nia "Bibliografio de planlingvaj periodaĵoj", kiun nia Rondo Takács preparas ekde la Jubilea Jaro (1987). Mi sendos leterojn ankaŭ al la redakcioj de "La Junuloj", "Bangalore Esperanto-Bulteno" k.a. por havi la necesajn informojn pri iliaj organoj.

Mi - kunlabore kun aliaj du fondaj anoj de nia Rondo Takács, s-ro Luis Hernandez Yzal, s-ino Ana Molera- Urgellés (ambaŭ el Hispanio)- kompilis provizoran liston de planlingvaj organoj aperintaj en Japanio. Pli ol 400 titoloj troviĝas sur tiu listo. Kiu el vi povus kunlabori por kompletigi tiun ĉi liston kaj poste komune aperigi ie sur paĝoj de iu serioza Esperanto-revuo?

*(d-ro) Árpád MÁTHÉ/ Tusnádi u.14. H-1125 BUDAPEST, HUNGARIO*

### *4.2 el Pekino*

Estimata,

Estas ĝojige, ke fondiĝis la societo "Amikaro de Esperanta Disaŭdigo de Ĉina Radio Internacia", la 8an de aŭgusto 1993, dum la 80a Kongreso de Japanaj Esperantistoj. Tion ni ŝuldas al la klopodoj de s-ino Takeuti Tomiko, s-roj Umeda Yosimi, Nishikawa Toyozo kaj Nagaoka Ziro. En la fondkunveno s-ino Takeuti kaj s-ro Umeda elektiĝis kiel kunordigantoj de la Societo.

La estraro de Ĉina Radio Internacia alte taksas la laboron kaj klopodojn de niaj japanaj aŭskultantoj. Ĝia direktoro s-ro Zhang Zhenhua donis salutajn vortojn por nia Esperanta disaŭdigo kaj faris epigrafon por la membrokarto de la Esperanta disaŭdigo de

la radio.

Ni kore deziras senĉesan kreskon kaj prosperon al la "Amikaro" kaj sanon kaj feliĉan vivon al ĉiuj geamikoj.

*Ĉina Radio Internacia, Esperanta Sekcio/ Beijing 100866 Ĉinio*

## *4.3 el Dakaro, Senegalio 1993-12-30*

Ricevante ĉiam la senditajn bultenojn EeA, mi ege dankas vin. Mia klubo kiel aliaj kluboj en Azio havas malfacilaĵojn. Mankas al ni monrimedoj por pli bone disvastigi Esperanton en Senegalio. Tamen miaj gelernantoj estas seriozaj; ili jam kutimiĝis paroli kaj skribi Esperante. Mi estas instruisto de Esperanto; mi instruas regule 25 gelernantojn. Sed estas ĉiam novaj komencantoj. Ni kunvenas du-foje monate. Sed tre ofte aliaj forestas pro siaj ŝatokupoj. Tre aktivaj esperantistoj ili estas. Afriko estas malriĉa kontinento. Pro tio multaj asocioj kaj kluboj de Esperanto ne tre bone progresas. Afriko estas malriĉa pro la franca, angla kaj portugala koloniado. Okazas multaj konfliktoj (militoj, politikaj konfliktoj) en Afriko. Do, mi vokas al ĉiuj esperantistoj el riĉaj landoj helpi miajn klubojn. Nun estas du kluboj en Senegalio. Dakara Esperanto-Klubo kaj Subklubo en Parcelles Assainies. Ĝi estas kvartalo de Dakaro. Sed estas nur kelkaj komencantoj. Mi serioze zorgas pri tiu nova klubo. Esperanto povus progresi bone en Senegalio, se oni helpus nin. Sen mono oni povas fari nenion. Esperanto estas ankoraŭ ne rekonita de nia registaro. Mi renkontis multe da aŭtoritatuloj kaj diskutis kun ili, sed neniam pozitivan respondon ricevas.

*Alphone Diatta/ B.P. 21231 Dakar-Ponty, Dakar, Senegalio*

## *4.4 el Wuhan, Ĉinio 1994-01-04*

Tre estimataj samideanoj,

kun granda intereso mi legis la bultenon, n-ro 13, ĉar ĝin mi ricevis nur unuafoje. D-ro SO Gilsu pli fakte priskribis pri Ĉinio ktp. Vere estas bona bulteno, kiun vi klopode faris. Kompreneble mi deziras ofte legi la bultenon, sed kiel ordinara laboristo mi ne povas pagi monon por abonpago. Sed tamen kiel individua membro de UEA mi regalos vin konvene, kiam vi vizitos Ĉinion. Pasporta servo ĉe mi estas preta ankaŭ por Esperanto-amikoj.

*MO Zhi-xiong/ Mei-gui-yuan-xi-cun 73 hao 4-3#, Han-Yang-Qu, Wuhan, CN-430051, Ĉinio*

## *4.5 el Biŝkek, Kirgizio 1994-01-17*

Estimataj gesinjoroj!

Unuavice mi volas danki vian sindoneman kaj altnivelan laboron por la bulteno EeA. Mi trovas ĝin tre interesa kaj tralegas de la unua ĝis la lasta linio tuj post ricevo. Dankon.

Nun mi volus, se vi havas eblecon, kompreneble, kore danki japanajn esperantistojn, kiuj pagis por mi membrokotizon al UEA, ĉar aŭtune mi ricevis leteron kun infomo, ke mi de nun estas individua membro de UEA. Mi estis tute perpleksita kaj neimageble ĝoja. Sed tiam mi ne sciis, kiu faris al mi tiun surprizan donacon. Kaj nun, laŭ informoj, mi scias, ke iuj japanaj esperantistoj pagis aliĝkotizojn por nepagipovaj samideanoj el kelkaj aziaj landoj. Do, bonvolu per kelkaj linioj transdoni mian elkoran dankemon.

Krome, mi volas ĝustigi informon en EeA en la raporto de Wang Tianyi (Ĉinio) pri lia vojaĝo en Meza Azio. Estas indikita nia oficeja telefonnumero, sed nun tiu numero jam ne validas. Jen estas nia kontakt-telefono: (3312) 280352 urbo Biŝkek.

Ĉiu ajn, kiu telefonas, estas bonvenigota en nian urbon.

Elkoran saluton kaj skcesplenan laboron sendas al vi UEA-membro:

*Kanatbek Gudajmendiev/ Alamendin r-n s. Araŝan, ul. Centralnaja 35, Biŝkek, Kirgizio*

## 4.6 el Amsterdamo, Nederlando 1994-01-19

Alvenis la 14a numero de "Esperanto en Azio", kaj tiel venis okazo por danki vin pri la regula alsendado al mi. Ne nur al mi, sed al pluraj afrikaj esperantistoj. Plezure mi vidis ke kelkaj reagas; en tiu ĉi numero aperis du leteroj de legantoj...

*Hans Bekker/ Kastelenstraat 231, 1082 EG Amsterdam, Nederlando*

## 4.7 el Kwangju, Koreujo 1994-03-10

Legante artikolojn de "Esperanto en Azio", mi eksentas, ke la redaktoroj plenumas vere utilan grandan laboron. Ni povas diri, ke Esperanta movado ne estas disvastigita en aziaj landoj krom kelkaj kompare kun eŭropaj, kaj plie ĝis antaŭ kelke da jaroj gajni informojn el tiuj partoj preskaŭ ne eblis. Multaj esperantistoj ne nur aziaj, sed ankaŭ tutmondaj soife atendis novaĵojn el tiu mondparto. Nun feliĉe dank' al "Esperanto en Azio" mi vidas Esperanto-movadon nun ekvekiĝantan de la profunda dormo en nia kontinento.

Estas tre utile, ke mi en la kunveno foje sciigas la novaĵojn freŝdatajn kaj perspektivon de aziaj landoj utiligante la bultenon. Nun en mi ekfontas io instiga, ke mi kiel membro el azia esperantistaro sciigu la novaĵojn de mia urbo Kwangju. (vd. p. 13 de n-ro 15)

*SIN Gjong-sik*

## 4.8 el Jakarta, Indonezio 1994-04-17

Karaj samideanoj!

Dum la lasta unu jaro mi ne plu ricevis vian publikaĵon, kiun vi antaŭe regule sendis al mi.

Via gazeto estas por mi absolute nemalhavebla. Mi ĝin bezonas, por ke mi estu informita pri la stato de Esperanto en Azio, precipe en kunligo kun la okazonta Universala Kongreso de Esperanto en Seulo ĉi-jare.

*Eriko Sunardo/ Citra Garden 2 Blok B 7/18, Pegadungan, Jakarta, 11830 Indonezio*

(red. Ni sendadis al vi nian bultenon, sed via adreso estis malnova. Kvankam ni ne ricevas resenditaĵon, certe la bulteno al vi perdiĝis. Ni denove sendu al vi je la nova adreso. Dankon pro la respondkuponoj, kiujn vi sendis.)

## 4.9 el Fuzhou, Ĉinio 1994-05-19

Estimataj gesamideanoj,

Kiel ĝojinde, ke finfine la unua numero de EeA ĉi-jara venas en miajn manojn! Nedireble emociita, mi estas aligita al UEA laŭ la projekto, kaj unuafoje ricevis ĝian organon. Elkoran dankon, mil dankojn! La aliĝo al UEA estas signifoplena, sendube kio ne nur honoras min mem, sed ankaŭ multe kuraĝigas nian Esperanto-Asocion fondatan. Mi volas servi kun miaj kolegoj por Esperanta afero kiel eble plej bone. Sed bedaŭrinde en la listo de EeA (n-ro 15) ne troviĝas mia nomo. Okazis eraro aŭ preterlaso? Ĉu vi povus kontroli por mi?

*JIANG Yunlin/ 1-404, Guangda Lu 335, Fuzhou, 350004 Ĉinio*

(red. Mi kontrolis kaj konstatis ke certe via nomo estas en la listo sendita de SO Gilsu. Do simple mi preterlasis. Pardonon!)

# 5. Deziras korespondi

### 5.1 la Esoterista Esperanto-Grupo

Anoj de la Esoterista Esperanto-Grupo studanta instron de Ĝual Khula, deziras korespondi kun samideanoj el la tuta mondo. Nia adreso: Esoterista Esperanto-Grupo/ ab. jaŝ. 264, 354000 Soĉi-54 Rusio

### 5.2 Kyungo Kiudia Kek'ekini

deziras korespondi kun geesperantistoj en Koreio kaj Japanio, kiuj parolas, ŝatas kaj disvastigemas Esperanton. Mi estas elektristo en cementfabriko, estas 36-jara, edziĝinta, kun 3 infanoj.

*(s-ro) Kyungo Kiudia Kek'ekini/ c/o Ciza-Lukala, B.P. 7598, Kinshasa - Zaire, Afriko*

### 5.3 Alphonse Diatta

deziras korespondi tutmonde 29-jara fraŭlo; hobioj: vojaĝo, muziko, Esperantaĵoj, bildkartoj, fotoj, komerco, turismo, kantoj en Esperanto ktp

(s-ro) Alphonse Diatta/ B.P. 21231 Dakar-Ponty, Dakar, Senagalio

### 5.4 Kheav Runn

deziras korespondi kun esperantistoj en la mondo, lerninta Esperanton 2 jarojn. Mi nepre skribos al miaj gekorespondantoj.

*(s-ro) Kheav Runn/ BI7-8, Sahakpheap Soviet st. SangKat Sras Chork, Khan DounPenh, Phnom Penh, P.O. Box 852 Kamboĝo*

### 5.5 Feng Kuang

31-j. deziras korespondi kun gefilatelistoj el tua Azio. interŝ. neuzitajn pm. unuatagajn kovertojn kaj kolektas filatelaĵojn pri Esperanto.

*(s-ro) Feng Kuang/ Hui An Li 1-1-202, Tang gu, Tian Jin, CN-300450, Ĉinio*

### 5.6 s-ro Feng Jian Guo

deziras interŝanĝi monerojn kaj monbiletojn.

*s-ro Feng Jian Guo/ Dagu Hua, Gong Chang, Tang Gu, Tian Jin, CN-300455, Ĉinio*

## 6. ricevitaj organoj

**6.1** ***"Veligilo"*** (Vjetnama Esperanto-Ligilo), n-ro 11 eldonita en 1994, kun 6 paĝoj, organizanto: d-ro Dinh Van Van/ 174-72 Chu Van An, F. 12 Q. Binh Thanh, Hochiminh Urbo, Vjetnamio

**6.2** ***"Montejo"*** (Nepala Esperanto-Asocio), n-ro 5, okt. nov. dec. 1993, ĉefredaktanto: Dipendra Kumar Piya (tel.:01-217221), adreso: NEspA; P.O. Box 6304, Kathmandu, Nepalo

Laŭ la organo ni povas ekscii: Lastatempe Nepalon vizitis s-ino Georgette Tourette el Lyon (Francio), s-ro Sato Ejĝi el Sapporo (Japanio), s-ro Gim Jong Gin el Koreio kaj s-ino Faris Tan el Singapuro.

**6.3** ***"Aktuale Eŭro-Azia"***, n-roj 48(93-09-30), 49(93-11-15), 50 (94-01-30), kun 8 paĝoj (A-4), ĉefredaktoro: Vladimir Jurjeviĉ MININ (estrarano, sekretario kaj kasisto de la Konsilio de siberiaj esperanistoj)/ P.O. Box 2000; Tomsk, RUS-634063, Russia

## 7. Adresoj —- ŝanĝoj, korektoj kaj novaj

7.1 (ŝanĝo de n-ro 13) Henan-a Esperanto-Ligo

s-ro Zhang Haoguang/ Jinshuilu, Henan Zhongyi Xueyuan 7 Hao lou 13 Hao, CN-

450003 Zhengzhou, Ĉinio

2) (aldono al n-ro 13) Zhengzhou-a Esperanto-Asocio

s-ro Xin Youfu/ Jinshexilu, Guomiansichang Zhongxue, CN-450007 Zhengzhou, Ĉinio

3) (aldono al 2.3 en n-ro 14)

s-ro Ma Haibin/ Henansheng Caizheng Kexue Yanjiusuo, CN-450003 Zhengzhou, Ĉinio

s-ro Wang Li/ Xingshulu, Waiguoyu Xuexiao, CN-471000 Luoyang, Ĉinio

s-ro Ji Feng/ Guangchanjie 3 Hao, Li Rui, Zhuan, CN-471002 Luoyang, Ĉinio

## 8. *Kontribuoj*

Post la raporto en n-ro 15 ĝis la 9a de junio, jenaj 30 japanoj, unu ruso loĝanta en Japanio kaj du Esperant-grupoj en Japanio kontribuis por la azia movado sume 52.5 stelojn ( 105,000 japanajn enojn). Post tiam ankoraŭ multaj kontribuis, sed la redaktantoj ankoraŭ ne ricevas informon. Pri tio do ni raportos en la venonta numero.

AIKAŬA Secuko, AKADA Joŝihisa, ARAI Norie, CURUMI Kaori, HAJAKAŬA Joŝinori, HOTTA Juri, ITABAŜI Micuko, ITOO Joriko, IŬAMOTO Tamae, IVANICKI, Vaĵik, JAMAZAKI Masaru, JEI-Filio de Ehime, KOJAMA Takeŝi, KATOO Iŭao, KATOO Keiko, KAZAŬA Kinuko, KOBAJAŜI Kajoko, KUMAKI Hideo, NAKACU Masanori, MICUKAŬA Sumiko, Mijazaki Esperanto-Societo, MORITA Jooko, MURATA Takako, NAKAHIRA Koozoo, NIŜIKAŬA Tojozoo, NIŜIO Cutomu, SAITOO Tomoko, SASAKI Jasuko, TAKAHAŜI Nacuko, TAKASE Joŝiko, TAKEUĈI Joŝikazu, TAKUBO Hideo, TOJODA Motoki

Koran dankon al ĉiuj kontribuintoj!

***•Parolas la redaktantoj:*** En ĉi tiu numero ne estas saluto kaj raportoj de la eldonanto SO Gilsu, probable pro manko de tempo. Tamen anstataŭ ili vi povas legi multajn raportojn kaj leterojn de legantoj. Ni presos kaj ekspedos al vi antaŭ la Seŭla UK, sed vi ricevos post la UK aŭ en la kongresejo, se vi mem venos al Seulo. Tiam tiu ĉi bulteno helpos vin diskuti pri azia agado. Ni revidu nin tie. En la venonta numero vi povos legi pri la kongreso kaj pri Azia Karavano en Koreio kaj Japanio. *(1994-07-18 red.)*